Esperanto servu la pacon!

# AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

N°5(20) Aprilo 1975

## POST LA UNUA ETAPO

Komenco bona...

Ekipinte nin per kalkulmaŝineto, ni intencis jam januarfine proponi al vi rezultojn pri la unua duonjaro de socialisma konkurado. La komenco estis tre esperiga: ĝis la dua nin atingis raportoj eĉ de 7 kluboj! Laŭvice: Kapsukas, Tiĥvin, Viljandi, Tula, Kievo, Talgar, Ivanovo. Nian grandan sekretarian dankon al vi ĉiuj!

Ceteraj kluboj ne tiom fervoris: ĉe la monatfino ni havis nur 31 raportojn. Mankis ankoraŭ 13! Leningrado kaj Kedainiai pardonpetis kaj promesis sendi februare... Antaŭ nelonga tempo venis kelkaj kaj tiu leningrada. Ceteraj? Pri tiuj – en la ĉapitro "Kiu trenas reen?". Nun-la etapaj rezultoj (loko, klubo, poentoj):

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1.Ufa | 1590 | 24.Miass,"Malaĥita Stelo" | 194 |
| 2.Ivanovo | 824 | 25.Talgar,"Verda Brigantino" | 186 |
| 3.Barnaul,"Oazo" | 667 | 26.Soĉi | 181 |
| 4.Klaipeda | 640 | 27.Tallinn,"Hirundo" | 167 |
| 5.Poltava | 534 | 28.Tjumeno,"Revo" | 151 |
| 6.Viljandi | 514 | 29.Doneck | 141* |
| 7.Ĥarkov,"Optimisto" | 491* | 30.Zaporoĵje | 141 |
| 8.Vilnius,"Juneco" | 491 | 31.Tula,"Solidareco" | 134 |
| 9.U-Kamanogorsk,"Verda Horizonto" | 467 | 32.Novomoskovsk | 117 |
| 10.Novosibirsk | 349* | 33.Kapsukas,"Suduva" | 107 |
| 11.Omsk,"Kamomilo" | 349 | 34.Velikije Luki,"Stelo" | 39 |
| 12.Siktivkar,"Verda Stelo" | 337 | 35.Liepaja,"Tilieto" | 23 |
| 13.Salavat,"Verda Aŭroro" | 290 | 36.Ĉelabinsk | 0 |
| 14.Rostov-Don,"Amikeco" | 277 | 37.Kedainiai | 0 |
| 15.Birsk | 267 | 38.Kolomna | 0 |
| 16.Tiĥvin | 256 | 39.Maĥaĉkala | 0 |
| 17.Leningrado | 255 | 40.Riga | 0 |
| 18.Kaunas | 244 | 41.Sterlitamak | 0 |
| 19.Ĥmelnickij | 230 | 42.Sverdlovsk | 0 |
| 20.Moskvo | 218 | 43.Taŝkent | 0 |
| 21.Kievo,"Ora Ŝordego" | 214 | 44.Tbiliso | 0 |
| 22.Meĵdureĉensk | 208 | | |
| 23.Kujbiŝev | 205 | | |

Mi konstatas, ke la raportoj iĝas ĉiam pli kaj pli detalaj, akurataj. Evidente la kluboj komencis kompreni la gravecon de plena raporto ankaŭ por la kluba dokumentaro. Tamen ankoraŭ eblas trovi malĝustaĵojn aŭ preterlasojn. Tiel ne ĉiuj notis la korespondligojn laŭlande kaj perdis poentojn. Kelkaj notis lumbildajn seriojn, sed ne anoncis tion en "Aktuale" (la poentojn – for!).

Inter ĉiuj raportoj estis elektita unu, kiun tre atente kontrolis kompetenta revizoro. La rezultoj pravigis la eksperimenton kaj tion ni ripetos en la dua etapo.

---

*Ĉe egala poentokvanto decidas pli frua raportado. – Aŭtoro.

Pli ol duono libervole, krom la suma kvanto de abonitaĵoj, notis la abonojn laŭrevue. Tio al mi tre plaĉas. Verŝajne tion ni postulu de ĉiuj. Rimarko:"Ligilo" kaj "E-to v sovetskoj peĉati" ne estas eksterlandaĵoj, ilin mi forstrekis.

Aldono:en "SL" forfalis §12, notu ĝin kaj uzu en la dua raporto:
12. Kontribuo al neprivata peto perletere 1 poento
pakaĵe 3 poentoj

Ni komparu

Multaj ciferoj daŭre stabilas, Jen oni nun raportis pri la agado de 889 klubanoj (418 aktivuloj), antaŭjare - pri 884 (400). Okazis 13 renkontiĝoj kun 832 partoprenintoj (komparu: 16 kaj 820), kaj 77 internaj klubaj aranĝoj (komparu: 76).

Sed. Antaŭjare aperis 177 publikaĵoj en Sovetia gazetaro, nun - 106; elsendoj - 22, nun - 15; E-kursojn finis 290, nun - 167.

Sed! Nun okazis 186 prelegoj por 7.730 personoj kompare al 136 por 5.140 personoj antaŭjare. Avangardis Ivanova E-klubo kun 32 prelegoj por 2.150 personoj! Kreskis ankaŭ abonkvanto de revuoj de 1377 ekz. ĝis 1709 (inter ili tiu de "Scienca revuo" de 27 ĝis 32). Preskaŭ duobliĝis la kvanto de publikaĵoj en eksterlanda gazetaro: de 18 ĝis 28! Ni komencis pli multe korespondi: mi fiksis 1.438 ligojn en 43 landoj (komparu kun 1.076 en 40 antaŭjare).

Amikeco malgraŭ limoj

Eĉ 74% de ĉiuj niaj eksterlandaj ligoj estas kun socialismaj landoj. Ankaŭ en la listo de landoj, kun kiuj niaj kluboj havas firmajn kontaktojn (tio estas ne malpli ol po 5 de klubo), denove elstaras socialismaj landoj: Pollando-kun 15 niaj kluboj, Bulgario - 12, Hungario - 10, Ĉeĥoslovakio - 8, GDR - 8.

Multajn landojn "monopoligis" Klajpeda E-klubo, jen: Argentino - 6 ligoj, Aŭstralio - 8, Brazilio - 6, Japanio - 8, Jugoslavio - 15, Novzelando - 7, Rumanio - 15, Svedio - 7, Usono - 15.monopolaj ligoj. Restis kelkaj "neuzurpitaj": FRG - per 6 ligoj ĝin firme "tenas" Meĵdureĉensk; Francio - 12, Klajpeda kaj 6 - Leningrad; Hispanio - 8, Leningrad; Kubo - 15, Klajpeda kaj 6 - Hmelnickij; Nederlando - 9, Viljandi. Ĉio! Kontaktoj kun ceteraj landoj ĉe neniu klubo estas stabilaj...

Se juĝi laŭ la raportoj, tute ne korespondas (sed mi ne volas kredi tion) Novosibirsk, Liepaja, Moskvo, Miass, V-Luki... Tre malmulte korespondas Tjumeno - nur 10 ligoj entute, Tiĥvin - nur 7, Kapsukas - nur 5!

Kiu trenas reen?

Inter naŭopo (eĉ!), kiuj ne bonvolis sendi raportojn, troviĝas kelkaj recidivuloj: Taŝkento, Maĥaĉkala, Kedainiai, Kolomna; ankaŭ pasintjare ili ne ĉiam raportadis. Nu, Ĉelabinsk, Riga kaj Sterlitomak la kompanion trafis eble hazarde, sed riproĉojn tutegale meritas. Sverdlovsk jam adiaŭis nin publike. Tre indiferente traktas sian kandidatiĝon Tbilisa E-klubo. Tiaĵoj kondukas al forfalo el SEJM.

Taŝkento, por mi, asociiĝas kun anarkio. Juĝu mem: aŭtune multaj kluboj ricevis leteron de konata taŝkentano kun sinpropono organizi someran E-tendaron (temporaba entrepreno), aliflanke, duonhoron por plenumi sian rekten devon oni ne trovas... Tio simptomas, ke en Taŝkenta E-klubo ne ĉio bonordas.

Gratulon!

Ĉu vi atentis? El 13 kandidatoj kluboj eĉ 11: Birsk, Kapsukas, Kievo, Meĵdureĉensk, Novomoskovsk, Rostov-Don, Salavat, Siktivkar, Soĉi, Tallinn, Tjumeno p l e n u m i s la postulon por transiri al la kategorio "Aliĝintaj kluboj" - ĉiuj ili jam dum duonjaro "rikoltis" po pli ol 100 poentoj. Mi notis, ke ĉiuj ili (krom Tallinn) tre ĝustatempe sendis siajn raportojn. Imitinda ekzemplo!

V.Ŝilas, SEJM-Sekretario

REGULARO DE SEJT
(projekto)

I. SEJT, ĈIAJ CELOJ

I.1. Sovetia Esperantista Junulara Tendaro (SEJT) estas ĉiujara somera renkontiĝo de la kluboj aliĝintaj en SEJM, kaj ekster-SEJM-a Esperanto-junularo.

I.2. Per aranĝo de SEJT la konsilantaro de Sovetiaj junularaj Esperanto-kluboj celas:

- eduki junajn esperantistojn de Soveta Unio en internaciisma spirito, aligi la junajn fortojn kaj entuziasmon al la batalo por la Paco;
- prepari junajn adeptojn de la Internacia Lingvo ideologie konvinkitaj, kleraj kaj spertaj; hardi novajn fortojn por Esperanto-agitado kaj instruado en Sovetio; plialtigi la lingvoscian nivelon de junaj esperantistoj;
- propagandi la Internacian Lingvon; pruvi utilon kaj vivecon de Esperanto por ties apliko por scienca, arta, socia laboro kaj ĉiutaga interkomunikiĝo;
- starigi firmajn amikajn kontaktojn inter junularaj Esperanto-kluboj, praktike interŝanĝi sperton de kluba laboro.

I.3. Konforme al la celoj la bazaj agadprincipoj de SEJT estas internaciismo kaj pacdefendo; sola labora lingvo en SEJT estas Esperanto.

II. ORGANIZANTOJ

II.1. Organizo de SEJT estas komuna tasko porĉiuj kluboj aliĝintaj al SEJM.

II.2. Pri organizaj demandoj de SEJT en la SEJM-Komitato dumjare respondecas vicprezidanto pri E-renkontiĝoj.

II.3. La tutan organizan kaj teknikan preparadon al SEJT surloke prizorgas klubo-Mastro (KM), elektata inter la kluboj-aliĝintoj de SEJM. KM plene respondecas pri normalaj kondiĉoj por laboro de SEJT.

II.4. Koordinas kaj gvidas la organiz-preparan laboron la Tendara Komisiono, kiu konsistas el 3 personoj, nome: Prezidanto de la SEJM-Komitato, vicprezidanto pri renkontiĝoj, SEJM-reprezentanto de KM.

II.5. Por solvi lokajn demandojn KM formas Preparan Komitaton, kiu laboras sub gvido de la Tendara Komisiono.

III. TEMPO. ELEKTO DE LOKO

III.1. Tempolimoj por SEJT estas elektitaj inter la 15 de julio - 20 de aŭgusto.

III.2. Lokon por SEJT rajtas prezenti ĉiu E-klubo, aliĝinta al SEJM. La konsilantaro de SEJM dum ĉiu konferenco akceptas sinproponojn de la kluboj-aliĝintoj pri prezento de loko por SEJT, okazonta post du jaroj. Ĉiuj sinproponintoj estas registrataj kiel kluboj-Esplorantoj (KE).

III.3. Unu jaron poste la vica SEJM-konferenco post analizo de ĉiuj argumentoj, prezentataj flanke de KE-oj, elektas inter ili kaj konfirmas KM por la sekva SEJT. La Konferenco konfirmas ankaŭ klubon-Dublanton (KD), kiu kapablu anstataŭi KM en ekstrema okazo.

III.4. KM kaj KD ĝis la 15-a de januaro prezentas al la Tendara Komisiono detalajn raportojn pri eblecoj akcepti SEJT-on. Surbaze de la raportoj la Tendara Komisiono decidas pri daŭrigo de la preparado fare de KM aŭ petas SEJM-Komitaton transdoni la rajtojn de KM al KD. Se nek KM nek KD pretas akcepti SEJT-on, novan klubon-Mastron rajtas konfirmi la SEJM-Komitato.

IV. PARTOPRENANTOJ

IV.1. La tendaron rajtas partopreni:
a) anoj de SEJM-kluboj, havantaj rekomendon de la kluba SEJM-reprezentanto;
b) esperantistoj en aĝo ĝis 40 jaroj el nealiĝintaj kluboj aŭ individuoj, havantaj rekomendon de la SEJM-konsilantaro;
c) aktivaj kursfinintoj en aĝo ĝis 40 jaroj, havantaj rekomendojn de la kluba SEJM-reprezentanto kaj de la kursgvidanto.
IV.2. Ĉiu el urbaj aŭ korespondaj E-kursoj, organizataj fare de SEJM-klubo rajtas rekomendi al SEJT ne pli ol 3 kursfinintojn. Kiel escepto, E-kurso, kiun organizas esperantisto en neesperantista urbo, rajtas rekomendi al SEJT 8 kursfinintojn.
IV.3. Sen rekomendo rajtas veni al SEJT:
a) membroj de SEJM-konsilantaro;
b) Meritaj anoj de SEJM-kluboj;
c) personoj, kiujn invitas la SEJM-Komitato laŭbezone de la tendara programo.
IV.4. Ĉiu partoprenanto devas aktive partopreni la tendaran programon, subiĝi al la lingva disciplino kaj tendara tagordo. La personoj, kiuj neglektas ĉi-tiun postulon, povas esti forigitaj el SEJT laŭ decido de la Tendara Komisiono.

V. INFORMADO

V.1. Sovetiaj esperantistoj ricevas informojn pri vica SEJT el du informleteroj, eldonataj fare de la organizantoj.
V.2. La Tendara Komisiono anoncas pri komenco de aliĝado al SEJT per Informilo N°1, publikigata en la bulteno "Aktuale" ĝis la 1-a de majo. La informilo enhavas la aliĝkondiĉojn kaj la bazajn informojn pri la tendarloko kaj la programo. Suplemente estas publikigataj ankaŭ listo de tendaraj laboroj kaj ekzemplo de aliĝilo.
V.3. Ĉiu aliĝinto ricevas ĝis la 20-a de junio kiel konfirmon de sia aliĝo Informilon N°2, eldonatan fare de la Prepara Komitato. La informilo enhavas precizajn informojn pri trafiko uzebla por atingi la tendarlokon, tempo de alveno, kunprenendaj aĵoj ktp. Estas rekomendinde aldoni al la informletero koncizan tendaran programon-tagordon.

VI. PROGRAMO

VI.1. La programo enhavas klerigajn, fakajn, artajn kaj sportajn aranĝojn, kiuj plene konformas al la celoj de SEJT.
VI.2. La programon konfirmas la Konferenco de la SEJM-konsilantaro surbaze de la projekto kun eventualaj aldonoj kaj ŝanĝoj. Se iuj eroj de la konfirmita programo ne povas okazi pro objektivaj kaŭzoj (vetero, manko de organizantoj k.s.) la Tendara Komisiono rajtas anstataŭi ilin per aliaj laŭ sia bontrovo.
VI.3. Projekton de la programo por SEJT preparas la Tendara Komisiono sub aŭspicio de la SEJM-Komitato kaj kun helpo de ĉiuj aliĝintaj kluboj.
VI.4. Neanstataŭeblaj eroj de la programo de SEJT estas Esperanto-instruado en ĉiuj niveloj kaj la Lernejo de kluba aktivularo.
VI.5. La Tendara Komisiono prezentas projekton de la programo por pridiskuto al ĉiuj SEJM-kluboj en la lasta antaŭtendara numero de la bulteno "Aktuale".
VI.6. Malgraŭ dumkonferenca reelekto de la SEJM-Komitato estas rekomendinda lasi la Tendaran Komisionon en nereelektita konsisto por gvido de la tendara programo.

* * *    * * *    * * *

Karaj legantoj! Mi prezentas al vi por pridiskuto jenan projekton de la Regularo de SEJT, pri kies bezonateco oni jam multe parolis. La pridiskuton jam partoprenis persone kaj perletere la Prezi-

danto de la SEJM-Komitato V.Arolović, SEJM-komitatanoj V.Ŝilas kaj D.Cibulevskij, la estro de la Scienc-teknika fako A.Gonĉarov. Mi dankas ĉiujn ilin pro utilaj ideoj, kijn mi uzis preparante la projekton. Estas en la projekto punktoj, pridiskuto de kiuj eĉ en tiu malvasta rondo ne alportis komunan konkordan deciden. Ilin mi prezentas en mia varianto kaj ne dubas, ke ĉiuj oponoj estos analizitaj dum la Konferenco. Ekzemple, mi oponis enigi en la Regularon paragrafon pri la Konferenco, ĉar ĝi estas tute speciala aranĝo, gvida organo de SEJM, do la paragrafo pri ĝi devas eniri en SEJM-regularon. Mi ankaŭ preterlasis pure teknikajn demandojn pri tendaraj insignoj kaj emblemo, pri adresaro ktp. Multaj ne aprobos mian solvon de la plej kvereloza problemo - pri kvanta limigo por progresantoj, tamen mi opinias tiun-ĉi solvon justa

Do, ek al pensado, kluba pridiskutado kaj - ĝis rediskutoj dum la Konferenco!

M.Bronŝtejn, v/p pri renkontiĝoj

TENDARAJ LABOROJ
Aldono al la Informletero Nº1

Karaj tendarontoj! Bonvolu atente tralegi la suban liston de tendaraj laboroj. Elektu al vi unu taskon, kiu estas laŭ via plaĉo kaj via kapablo, bone trapensu ĝin kaj plenumu ĝin brile en la tendaro. Sukceso de la tendaro dependas kiel de ni ĉiuj tiel de ĉiu individuo.

1. Akcepto kaj registro de venantoj.
2. Artaj prezentoj (konkurso de artaj koncertaj numeroj).
3. Bela lego (konkurso)
4. Butiko de E-literaturo kaj E-aĵoj.
5. Dancado (organizo).
6. Deĵorado en tendaro kaj en la manĝejo (po plena tago).
7. Deĵorestro.
8. Ekskurso (organizo).
9. Ekspozicio (organizo kaj respondeco).
10. Fakaj kunvenoj (organizo).
11. Enciklopedio tendara.
12. Fiŝkaptista konkurso (organizo).
13. Fotoservo (faras fotojn por tendaraj albumoj).
14. Gaja vespero.
15. Gimnastiko-gvidanto.
16. Infana tendareto (organizo kaj gvido).
17. Interpretista konkurso (organizo kaj gvido).
18. Jurnalista grupo.
19. Kantoj (instruado).
20. Konkurso de gajaj kaj spritaj.
21. Komsomolestro.
22. Koncertoj.
23. Kuracisto tendara.
24. Labora tago.
25. Laboro kun progresantoj dum la paroliga periodo.
26. Legejo Esperanta.
27. Lignofajro (organizo).
28. Lingva komisiono(korektas erarojn de paroloj).
29. Loterio.
30. Ludoj, enigmoj (en Esperanto).
31. Magnetofona servo (surbendigado por la SEJM-arkivo).
32. Manĝejo-estro.
33. Masko-balo adiaŭa.
34. Mendo de revenaj biletoj.
35. Miss kaj Mister Esperanto (organizo de elekto).
36. Murgazeto.
37. Naskiĝinto-festo.
38. Neptun-festo.
39. Oratora konkurso (organizo).
40. Pedagogia seminario (organizo kaj gvido).
41. Piedmarŝo duontaga.
42. Poezia vespero (organizo kaj gvido).
43. Regionaj kunvenoj(organizo).
44. Sociologia enketado.
45. Somera Universitato (organizo kaj gvido).
46. Sportaj konkuroj (organizo).
47. Statistiko tendara.
48. Tradukista kurso (gvido).
49. Tradukista konkurso (organizo).
50. Verda Polico (krokodilĉaso).
51. Viktorino Esperanta.
52. Mitingo.

POR ESTI EN LA TENDARO TRANKVILA...

necesas atente tralegi ĉi-suban materialon kaj esti diligenta dum kompletigo de via tendara dorsosako (preferu dorsosakon, sed ne valizon aŭ tekon) en kiun nepre estu enmetotaj jenaj:

a) Prenendaj aĵoj
1. Varmaj vestoj (por eventualaj malvarmaj noktoj).
2. Sportkostumo kaj sportŝuoj.
3. Kontraŭpluva vesto aŭ pluvombrelo.
4. Naĝkostumo (aliokaze dum la Neptun-festo vi naĝos en aliaj vestoj).
5. Manĝilaro: telero, kruĉo, kulero (ĝi utilos ankaŭ dum vojaĝo al SEJT).
6. Viŝtuko, sapo kaj aliaj personaj aĵoj.
7. Kajero, skribilo.
8. Unu paketo da fotopapero de dimensio 9x12 № 2, 3, 4.
9. La partoprenontoj en la paroliga ~~periodo~~ kurso nepre prenu la lernolibron de B.Kolker.
10. E-libroj.

b) Prenindaj aĵoj
1) fotilo; 2) poŝlanterno; 3)portebla magnetofono; 4)filmilo; 5)diapozitivoj; 6)kontraŭsunaj okulvitroj; 7)ŝmiraĵoj kontraŭ kuloj, sunbruniĝo (kiu ne deziras sunbani); 8)pilko, aliaj ludiloj; 9)fiŝkaptiloj.

Por ke en la tendaran legejon oni ne alportu amason da samtitolaj libroj OK de SEJT-17 petas klubgvidantojn sciigi perletere liston de la havataj E-libroj en klubaj kaj personaj bibliotekoj, por OK havu eblecon ordigi venigon de libroj por la tendara legejo. La listojn bv. urĝe sendi laŭ la adreso:

492018 Ustj-Kamenogorsk-18, abon.k. 312, Anoĥin Boris Vasiljeviĉ. Enlistigante libron menciu ĝian titolon, la aŭtoron kaj la kvanton de paĝoj.

Sukcesan kompletigon de via dorsosako tendara!

B.Anoĥin, prezidanto de OK

KONCERTU NI ALTNIVELE

Unu el bonaj tradicioj de SEJT-oj estas koncertoj, sed por subteni tiun tradicion endas "nutri" la koncertajn programojn per bona "nutraĵo", sed ne per duonfabrikaĵoj, sufiĉe ofte traglutintaj en pasintjaraj tendaraj koncertoj. Por ne ofendiĝu la prezentintoj de tiaj duonfabrikaĵoj mi ne skribu konkretajn ekzemplojn, sed mi esperas, ke multaj konsentos mian opinion. Do por ne havu lokon en niaj koncertoj "grizaj" eroj, mi proponas (similaj proponoj kaj paroloj estis, sed mi volas konkretigi la aferon) serioze prepari koncertajn programojn komence en klubo, provludi dum regionaj renkontiĝoj kaj interurbaj E-aranĝoj kaj nur poste proponi por la komuna "Orienta" aŭ "Okcidenta" koncerto. Certe por tiuj estu elektitaj la plej bonaj eroj, kaj restos eĉ programeroj, kiujn eblas prezenti dum KGS kaj ĉe la fajro. Eble eĉ poentigi aktivecon kaj bonkvaliton en koncertaj prezentoj? Ni de tio nur gajnos, sed nenion perdos. Kiel vi opinias?

B.Anoĥin (U-Kamenogorsk)

TRADUKISTA KONKURSO

Estimataj tradukemuloj! Ĉi-jare ni okazigos duŝtupan konkurson tradukistan. Por la unua ŝtupo estas proponata rakonteto "La kordo" de K.Paustovskij. Ĉiu tradukonto ricevos detalan komenton pri sia

Aktuale-5(20)

# СТРУНА.

К.Паустовский

Осколок снаряда порвал струны на скрипке.Осталась только одна, последняя.Запасных струн у музыканта Егорова не было и достать их было негде,потому что дело происходило осенью 1941 года на осажденном острове Эзеле,в Балтийском море,на небольшом его клочке,-где советские воины отбивали непрерывные атаки немцев.

Война застала в Эзеле нескольких советских актеров- мужчин и женщин.Днем мужчины вместе с бойцами рыли окопы и отбивали немецкие атаки,а женщины перевязывали раненых и стирали бойцам бельё.Ночью,если не было боя,актеры устраивали концерты и спектакли на маленьких полянах в лесу.

-Хорошо,- скажете вы,- конечно,в темноте можно слушать пение или музыку,но непонятно,как актёры ухитрялись разыгрывать спектакли в ночном лесу.Что в этом мраке могли увидеть зрители?

Но война и отсутствие света по ночам создали свои традиции и выдумки.Как только начинался спектакль,зрители наводили на актеров узкие лучи карманных фонариков.Лучи эти всё время перелетали,как маленькие огненные птицы,с одного лица на другое в зависимости от того, кто из актеров в это время говорил.

На Егорова зрители никогда не наводили лучи фонариков.Всегда он играл в темноте,и единственной точкой света,какую он часто видел перед собой,была большая звезда.Она лежала на краю моря,как забытый маяк.

Струны на скрипке были порваны,и Егоров больше не мог играть.На первом же ночном концерте он сказал об этом невидимым зрителям. Неожиданно из лесной темноты чей-то молодой голос неуверенно ответил:

-А Паганини играл и на одной струне...

Паганини!Разве Егоров мог равняться с ним ,с великим музыкантом!

Всё же он медленно поднял скрипку к плечу.Звезда спокойно горела на краю залива.Свет её не мерцал,не переливался,как всегда.Егоров заиграл.И неожиданно одна струна запела с такой же силой и нежностью, как могли бы петь все струны.

Тотчас вспыхнули электрические фонарики.Впервые их лучи ударили в лицо Егорова,и он закрыл глаза.Играть было легко,будто сухие, легкие пальцы Паганини водили по изуродованной скрипке.

....В коротком антракте войны,в глухом лесу,где пахло вереском и гарью,звенела и росла мелодия Чайковского,и от её томительного напева,казалось,разорвётся,не выдержит сердце.

И последняя струна,действительно,не выдержала силы звуков и порвалась.Сразу же свет фонариков перелетел с лица Егорова на скрипку.Скрипка замолчала надолго.И свет фонариков погас.Толпа слушателей только вздохнула.

Я рассказываю подлинный случай.Поэтому напрасно вы будете ждать ловко придуманной развязки.Егорову не на чем было играть,он стал обыкновенным бойцом в обыкновенном отряде.И во время одного ночного боя советский воин отдал свою жизнь за Родину.

Его похоронили в грубой песчаной земле.Накрапывал дождь.Море затянуло туманом...

Скрипку Егорова бойцы положили в футляр,зашили в старое байковое одеяло и передали летчику,улетавшему в Ленинград.Летчик сразу же набрал высоту,чтобы уйти от немецких зениток.Десятки огней вспыхивали за хвостом самолета.

В Ленинграде летчик отнес скрипку к известному дирижеру.Тот взял ее двумя пальцами,взвесил в воздухе и улыбнулся;это была итальянская скрипка,потерявшая вес от старости и многолетнего пения.

-Я передам ее лучшему скрипачу нашего оркестра,-сказал летчику дирижер.

Где теперь эта скрипка-я не знаю.Но где бы она ни была,она играет прекрасные мелодии,знакомые нам и любимые нами,как каждое слово Пушкина

слово Пушкина,

Шекспира и Генриха Гейне.Она играет мелодии Чайковского,заставляя сердца слушателей дрожать от гордости за гений своей страны,за гений человека.

(daŭrigo el la p. 58)

traduko, kaj la venkonta traduko estos publikita en "Paco" kun koncerna indiko.

La tradukojn klare kaj maldense skribitajn aŭ tajpitajn kun du intervaloj kaj kun marĝenoj surpaĝe sendu al

Vladimir Samodaj
113519, Moskva, ul. Krasnogo Majaka, 8-2-107.

Krom tio ĉiu tradukanto estas petata sendadi siajn tradukojn eksterkonkursajn al la sama adreso por ricevi juĝon, komentojn kaj konsilojn de kompetentaj en la tradukarto kamaradoj. Ne forgesu kunsendi ankaŭ la originalajn tekstojn, ĉar sen ili la komentoj povas esti eraraj.

Sukceson en via laboro!

V.Samodaj, estro de la Traduka fako

LABORU KUN DIO, GEKNABOJ!

Denove mi min turnas al la ŝatantoj de scienca fikcio. Mi ricevis multajn leterojn, kies aŭtoroj laŭte gloradis la novan kampanjon. Ĉiuj esprimis deziron labori, ardis kaj demandis, kion fari?

Bedaŭrinde ilia ardado ege baldaŭ estingiĝis. Mi multfoje petis ĉiujn: skribu, kion vi tradukas, kion intencas traduki, kiu vin redaktas ktp. Sen tio ja ne eblas iel ordigi la laboron. El neĝustaj aludoj en leteroj mi komprenis, ke verkojn de D.A.Bilenkin tradukas tri homoj, sed G.S.Altov tute restis netradukata, malgraŭ ke Bilenkin estas simple bona verkisto, sed Altov estas unika fenomena verkisto en la tutmonda literaturo.

Por ĉion fari ĝuste, bone kaj solide mi, estante en Moskvo, vizitis famajn verkistojn: A.N.Strugackij kaj D.A.Bilenkin kaj, laŭ konsilo de A.Harkovskij (kiun mi elkore dankas), unu sciencisto - A.I.Mirlis, kiu defendis disertaĵon pri la scienca fikcio. Kun ilia helpo estas preparita listo de SF-rakontoj, kiujn endas traduki unuavice. Jen estas ĝi:

G.S.Altov. "Port kamennyĥ burj" kaj "Oslik i aksioma".
V.Kolupajev - laŭ deziro de tradukanto.
K.Bulyĉov - "Devoĉka, s kotoroj niĉego ne sluĉiłsja".
I.Varŝavskij - "Robi".
D.Bilenkin - "Davlenije ĵizni", "Ĉelovek, kotoryj prisutstvoval", "Gorod i volk", "Adskij modern", "Proverka na razumnostj", "Princip neopredeljonnosti", "Ne byvajet", "Dolgoje oĵidanie".
A.Dneprov - "Kraby idut po ostrovu".
I.Jefremov - "Olgoj-ĥorĥoj".
S.Jansovskij - "Denj gneva".
G.Gor - "Malĉik".
I.Rossoĥovatskij - "Vstreĉa v pustyne".
Ju.Nikitin - laŭ deziro de tradukanto.
A; kaj B.Strugackije - "Ostranstvujuŝĉiĥ i puteŝestvujuŝĉiĥ".
V.Grigorjev - "Rog izobilija".
V.Ĵuravljova - "Most nad sneĵnoj propastju".
G.Gureviĉ - "Glotajte ĥirurga" kaj "Funkcija Ŝorina".
V. Savĉenko - "Vtoraja ekspedicija na strannuju planetu".
V. Berestov - "Allo, Parnas!"

Al mi ŝajnas, ke la aŭtoroj de ĉi-listo estas sufiĉe spertaj, por ke ni nenion ŝanĝu en iliaj proponoj. La listo estas sufiĉe plena kaj montras la sovetian scienc-fikcian literaturon de ĉiuj ĝiaj bonaj flankoj.

Mi ankoraŭfoje petas vin ĉiujn: estu konsciaj, informu min pri ĉiuj viaj intencojn kaj laboroj. Dume elektu el ĉi-listo. Se io restos netradukata - mi pri tio informos. Do mi atendas, ke nun la laboro ekmoviĝos kaj deiros la "mortan punkton".

Car la loko de mia laboro dume estas konata al neniu - skribu al jena adreso:

310075 Ĥarkov-75, pr. Kosiora, 140, kv. 71, Julio Muraŝkovskij. Ne koleru, se respondo venos post monato - mi povas labori en ajna loko de Sovetio.

Mi volus fini per la vortoj diritaj al mi de A.N.Strugackij por la adiaŭo: "Laboru kun Dio, geknaboj!"

J.Muraŝkovskij (Ĥarkov)

## GRAVA EVENTO POR UKRAINIAJ ESPERANTISTOJ

La 29-30-an de marto en Doneck okazis vica renkontiĝo de aktivuloj el Ukrainiaj junularaj kluboj. Venis ĉ. 40 personoj el 10 Ukrainiaj urboj. La renkontiĝo dediĉis atenton al problemoj de regiona movado kaj ankaŭ al eblecoj por aktivigi la sociutilan laboron. La ĉefa temo estis "Renkonten al la 30-jariĝo de la Granda venko".

La unua kunsido okazis la 29-an en bela klasĉambro de profesia teknika lernejo, en kiu oni komencis instrui Esperanton. La kunsidon malfermis vicprezidanto de la regiona pacdefenda komitato. A.F.Vorobjov, kiu rakontis pri la strukturo de pacdefenda movado, pri ties celoj kaj metodoj de la laboro. Fine li skizis eblecojn por esperantista pacdefenda agado. La ĉefaj sferoj por ni estas:

1. Propagando de la sovetia pacama politiko eksterlande.
2. Eduka laboro celanta patriotismon kaj internaciismon.

Li menciis ankaŭ eblecon instrui Esperanton inter eksterlandaj studentoj, lernantaj en Donecko. A.B.Rogov (Ĥmelnickij) insistis prilumigi la rolon de esperantistoj en batalo kontraŭ faŝismo, sendi pli da materialoj por "Amikeco", dediĉitaj al la milito kaj al ĝiaj herooj.

M.Belogolovskij (Doneck) bone esploris la vivon de sia samurbano poeto Miĥalskij kaj rakontis pri tio-ĉi. Li emfazis, ke multaj niaj baraktoj okazas dank' al neglekto kaj nescio de la antaŭmilita sovetia E-movado. Jam tiam estis solvitaj multaj demandoj, kiuj nun prezentiĝas novaj. Se ni estas tiel kurtmemoraj, nova generacio same nin forgesos.

La duan tagon ni komencis en Avdejevka proksime de Donecko. Tie nin bone akceptis loka aktivulino A.I.Vojnaroviĉ. La matena kunsido, akompanata de E-ekspozicio, pasis en fervoja teknika lernejo. La unua elpaŝis tiea partia gvidanto, kiu sincere gratulis nin kaj esprimis deziron havi bonan Esperanto-klubon en la lernejo.

Pri liberigo de Donecko, pri ardaj bataloj temis rakonto de A.B.Rogov, kiu en la unuaj vicoj atakis Doneckon. Dum distra parto oni kantis ĉe gitarakompano de Muraŝkovskij; M.Lineckij montris diapozitivojn.

Post la tagmezo en la labora kunsido de gvidantoj oni akceptis jenajn decidojn:

1. Nuligi la estintan UEJM(Ukrainia Esperantista Junulara Movado) pro ĝia malforteco kaj neneceso.
2. Cesi aperigon de "Ukrainia informilo" por koncentrigi la fortojn ĉirkaŭ a"Aktuale".
3. Alvoki ĉiujn lokajn gvidantojn lasi ambiciojn kaj nenecesajn "lokajn informilojn".

4. Sendi en konstajn 17 urbojn de Ukrainio, kie ekzistas esperantistoj, alvokon subteni SEJM-on.
5. Por gvido de ebla interkluba kunlaboro estas elektita agadkomitato:
M.Belogolovskij (Doneck) - prezidanto;
A.Miŝĉenko (Zaporoĵje) - anstataŭanto;
J.Muraŝkovskij (Ĥarkov) - sekretario.
6. Kiel sferoj de kunlaboro oni elektis :
a) kordino de tradukIaboro (ĉefe por kontribui al "Ukrainia antologio");
b) koordino de artprogramo, kiun oni povas prepari por komunaj aranĝoj;
c) preparo de regionaj tendaroj, marŝoj kaj t.p. (nur kontakte kun la SEJM-estraro).
7. Proksimtempe okupiĝi pri digna renkonto de la Granda venko.
8. Alvoki la redakcion de "Aktuale" pli severe elekti materialojn por ne plu allasi bagatelajn temojn (kiel pri neologismoj) kaj direkti atenton por konkretaj temoj kaj taskoj, ligitaj kun la nuntempa socia vivo.
9. Ciamaniere strebi junigi SEJM-on. Proponi al la Konferenco ĉi-jara ŝanĝi la poentan sistemon por enkalkuli zorgojn fare de kluboj pri juniĝo kaj ellabori sistemon de provgvidantoj, kiuj poiomete forprenus postenojn de aĝantaj veteranoj. Nur juneco povas enspiri necesan spiriton kaj dinamismon al la Movado. Ne adaptu ni ~~ŝin~~ la Movadon al nia aĝo.

Fine de la lasta tago okazis komuna vizito en la kafejon "Vilnius", fotado ĉe terikonoj kaj adiaŭaj promesoj skribi kaj agi. Konklude ni devas pritaksi la renkontiĝon kiel sukcesa dank' al aktiva partopreno en ĝi de lokaj oficialuloj, kiuj helpis en organizaj demandoj kaj favoris en ĉiuj programeroj.

Tiel prezentiĝas nia ĝusta vojo - en plena kunlaboro kun sociaj organizaĵoj anstataŭ sensenca, teda kuirado en propra suko.

J.Muraŝkovskij, sekretario de URSA
(Ukrainia Regiono de SEJM-Aktivecoj)

## KIEVO "VEKIĜAS"

La Esperanto-klubo de Kievo "Ora Pordego" estas en vekiĝo. La ĉefa loĝejo de nia klubo en la Domo de sciencistoj ne plu validas. Skribu denun al la hejmadreso de nia gvidanto Miĥail Lineckij:
Ukrainio, Kievo 252200 Minskoje ŝose 10 ap. 99.

Nia klubo ne konsistas el multaj partoprenantoj. Nun ni organizis du kursojn. Unu - en la Klubo de konstruistoj, la duan - en la agrikultura Akademio. En Kievo ni havas multe da junuIaro, kiu volas partopreni en pacmovado pere de Esperanto kaj korespondi kun aliaj landoj por propagandi la sovetian ideologion en la tuta mondo. La membroj de niaj kursoj estas tre aktivaj. En nia urbo ni faris multe da propaganda laboro kaj jam havas rezultojn. Ni esperas, ke E-movado en Kievo vastiĝos en la 1975-a kaj sekvontaj jaroj.

En la Ukrainia satira revuo "Peretsj" №4 ni trovis la vorton "Esperanto" uzitan en satira rakonto en senco de miskompreno. Ni skribis leteron al la redakcio kaj atendas respondon.

A.Sakoviĉ (Kievo)

## SUBTENANTOJ DE SEJM

La stato por la 10-a IV.75

1. BIJSK 659316, Altajskij kraj, Matrosova 29-11, KOROLJOV Ivan.
2. BIJSK 659322, Altajskij kraj, poŝtrestante, MALOVATSKIJ Pavel. Aŭgustoviĉ.
3. GUSEVO 453623,Abzelilovskij raj.,BaASSR, ZDROGOV Jurij Nikolaeviĉ.

4. JELGAVA 229601, Sudrabkalna 11-2, Latva SSR, ZVAIGZNE Vilis.
5. JONIŠKELIS 235240, Ž.U.T., Litova SSR, LUKOŠEVIČIUS Telesforas.
6. KRASNOJARSK 660075, ab/ja 2420; SAPOJNIKOV Vladimir.
7. LVOV 290000, ab/ja 108, E-klubo, KOROLEVIĈ Aleksandr Josifoviĉ.
8. LUCK 263000, Ĉekistov 5-15 Ukr. SSR, DRULJ Igorj.
9. MELNIĈNOJE 334156, Belogorodskij raj., Krimeo, OĤOTIN Miĥail Miĥ.
10. PÄRNU 203600, Kalusselli 16, Estona SSR, MUNAK Arnold.
11. PETROPAVLOVSK-na-KAMĈATKE 683006, Rybackij bulv. 3-10, NATINJ Andris.
12. RIGA 226014, Glika 9-2, Latva SSR, NEILANDE Saulcerite.
13. SIZRANJ 446010, E-grupo, Kujbiŝevskaja obl., Gogolja 12-7, DOLGANOVA Natali Aleksandrovna.
14. SLOBODA 222215, Minskaja obl., Smolenskij raj., PAVLUKOVEC Adam.
15. ŜALĈININKAJ 234090, Mokykla-internatas, SOBONSKIJ Lubomir.
16. ŜUJA 155600, Ivanovskaja obl., 2-Frunze N°5, SMETANINA Svetlana.
17. TAŜKENT 700125, Visokovoltnij Massiv, Sajfulina 4, GRINŜPAN Romano.
18. TALLINN 200090, ab/ja 264, grupo "Esperanto kaj Naturo", KILK Aŭgust.
19. TALLINN 200016, Sõlme 21, Estona SSR, PALU Johannes.
20. VILNIUS 232004, Latviu 58-2, Litova SSR, PETRULIS Juozas.
21. VILNIUS 232015, Ẑemajtes 1-86, GRIGAITIS Vincas.
22. VILNIUS 232043, E-klubo, Arĥitektu 88-48, VAITILAVIĈIUS Adomas.
23. VITEBSK 210003, Gorjkogo 63-12, KOKOŜINA Nataŝa.
24. VOLGOGRAD 400015, ~~G.Koĵelnikov~~ G.Koroljovoj 9-19, KOĴELNIKOV Aleksandr Konstantinoviĉ.
25. ZVADIN-stancija 704114, Samarkandskaja obl., Poĥtaĉinskij raj., Sovetskaja 104, BOGAPOV Jurij Semjonoviĉ.
26. MOSKVO 113519, ul. Krasnogo Majaka, 8-2-107, SAMODAJ Vladimir.
27. ĈUSOVOJ, 618260, Permskaja obl, ul. Miza 1-47, ROGANOVA R.N.

## Informoj * Anoncoj * Petoj * Sciigoj

MINUTON DA SILENTO!

La SEJM-Komitato en funebro sciigas, ke la 23-an de aprilo subita morto forkondukis el niaj vicoj aktivan esperantiston, la estron de la Historia fako de SEJM Juozas PETRULIS, esperantiston de la jaro 1923.

* * *        * * *        * * *

La SEJM-Komitato anoncas konkurson je projekto de plej bona SEJM-insigno. La insigno devas esti originala, bela, plurkolora, kaj simboli la celon de E-movado kaj de SEJM. En SEJT-17 kompetenta komisiono elektos la plej bonan projekton kaj aljuĝos al la aŭtoro premion. Bv. sendi viajn projektojn kolore plenumitajn sur papero al la Redakcio de "Aktuale", indikinte la proponatajn dimensiojn de la insigno.

* * *        * * *        * * *

Dum prelegoj ni mencias, ke en Sovetio ekzistas ĉ. 50 E-kluboj, sed ni povas montri nenion konkretan konfirmante tiun fakton. Pro tio ni, "Juneco", petas ĉiujn klubojn sendi al ni unu-du bildkartojn pri via urbo, la kluban emblemon, fotojn, skizan kluban historion ktp. El via materialo ni preparos albumon. Ni dezirus ricevi materialon kiel eble pli rapide. Se iu bezonas similan materialon de ni, ni tuj reciprokos. Nia adreso:
232000 Vilnius, p.k. 61, "Juneco".

POŜTMARKOJN AL UEA

Aŭtune ni skribis, ke ni povas finance helpi al UEA per sendado de stampitaj kaj nestampitaj poŝtmarkoj. Intertempe la komisiito pri tiu agado P.Zacho eksiĝis. Tial UEA petas regule sendadi al ĝi diversaspecajn poŝtmarkojn laŭ jena adreso:
UEA, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002, Nederlando.

B.Kelker (Ufa)

* * * * * * * * *

En Barnaula E-klubo vi povas peti 23-bildan serion pri MUER-4 (Montar-Ulbinka Esperantista Renkontiĝo) okazinta en Ustj-Kamenogorsk en 1973. Laŭ ĝi vi povas anticipe konatiĝi kun la naturo de la estonta tendaro.

* * * * * * * * *

Kiu povas oferi al mi bonkvalitan (por sendi eksterlanden) foton el SEJT-16, prezentantan la kvaropon de SEJM-prezidantoj? Antaŭdankas
Viktoro Arolovič 121019 Moskvo, do vostrebovanija.

* * * * * * * * *

ROSTOV-DON

La ĝenerala sekretario de MEM Drahomir Kočvara petis min helpi al li trovi esperantiston veteranon de la 2-a mondmilito, kiu batalis sur la teritorio de Ĉeĥoslovakio. Oni intencas publikigi lian rakonton sur la paĝoj de "Starto" kaj prepari por li vojaĝon almenaŭ 10-tagan (aŭtune) tra Ĉeĥoslovakio. La celo de la vojaĝo estas renkontigi la veteranon kun lokaj esperantistoj kaj neesperantistoj, prelegi antaŭ ili pri la tagoj de bataloj en Ĉeĥoslovakio.
Mi petas, ke ĉiuj niaj esperantistoj helpu en ĉi-tasko. Adresojn de la kandidatoj aŭ vivsignojn de la veteranoj atendas A.Melnikov, ab.jaŝ. 233, 344007 Rostov-Don-7.

En la libreto de Dmitrij Ĵukov "Ni estas tradukistoj" (eldonis "Znanie", 1975j., 50 mil ekz.) estas kelkaj vortoj pri artefaritaj lingvoj kaj Esperanto. La aŭtoro emfazas la neceson de iu komuna lingvo, sed parolas pri ĉiuj provoj krei artefaritan internacian lingvon iom ironie, opiniante, ke tio ne eblas, ĉar "LA POPOLOJ NE INTENCAS RIFUZI PRI SIAJ KULTURAJ TRADICIOJ? ESPRIMATAJ EN NEIMAGEBLE RIĈAJ EBLECOJ DE LA NACIA LINGVO". Do la aŭtoro ripetas la disvastiĝintan antaŭjuĝon, ke esperantistoj (kaj ĉiuj, kiuj pledas por artefarita internacia lingvo) celas neniigon de la naciaj lingvoj. Li ripetas ankaŭ la duan oftan antaŭjuĝon kontraŭ Esperanto: kiam li rakontas pri serĉo de lingvo-peranto por tradukmaŝinoj (cetere, la libreto estas dediĉita al la atingoj kaj problemoj de la maŝina traduko), li diras, ke tiu lingvo ne povas esti Esperanto, ĉar ĝi estas tre malriĉa.
Verŝajne, estus bone reagi la libron kaj la opiniojn. (Pri Esperanto la aŭtoro mencias sur la paĝoj 6 kaj 55.)

Estas aĉeteblaj "Kulturaj kajeroj"-2,-3,-4,-5, por 1974 po 3 rub. (kune). La monon akceptas A.Melnikov (la adreso supre).

A.Melnikov (Rostov-Don)

La redaktoro petas pardonon pro tioma malfruiĝo de la aprila numero de "A". Ĝi estis kaŭzita kiel de subjektivaj kialoj tiel de objektivaj.

---

Redaktis V.Ebel

Redakcio: 656099 Barnaul-99,
abon. k. 11,
"Aktuale"

## СОВМЕСТНАЯ ДЕКЛАРАЦИЯ.

Всемирный Совет Мира /ВСМ/ и Международный Комитет Всемирного движения эсперантистов за мир /МЭМ/, основываясь на необходимости объединения всех общественных сил, борющихся за мир.

учитывая, что МЭМ объединяет многие тысячи эсперантистов в различных странах, принимает участие в важнейших компаниях, проводимых ВСМ, периодически выпускает журналы "Пацо" и "Пацактивуло",

признавая, что сотрудничество обоих движений послужило бы укреплению мира, облегчая контакты между сторонниками мира в различных странах и обмен опыта между ними,

заявляют, что они решили осуществить взаимное активное сотрудничество, включая информацию об их мероприятиях, обмен соответствующей информацией, практиковать взаимное представительство на международных конгрессах, конференциях и т.п.

ВСМ и МЭМ рекомендуют всем национальным, провинциальным и городским Комитетам защиты мира и всем национальным секциям МЭМ, его группам и представителям установить взаимный постоянный контакт с целью наиболее широкого использования международного вспомогательного языка эсперанто для укрепления их международных связей и для привлечения эсперантистов к активной деятельности в организациях по защите мира.

Все организации по защите мира и все организации МЭМ просим переодически информировать нас о своей деятельности.

| | |
|---|---|
| По поручению В С М | По поручению М К М Э М |
| РОМЕШ ЧАНДРА | НИКОЛА АЛЕКСИЕВ |
| Генеральный секретарь | П р е д с е д а т е л ь |

---

Перевод с эсперанто. Журнал "Пацо", №I, 1974год.

## П Р Е Д Л О Ж Е Н И Я

относительно форм и методов сотрудничества и взаимной помощи между Всемирным Советом Мира /ВСМ/ и Движением эсперантистов за мир/МЭМ/

Секретариат ВСМ принимает предложение Международного Комитета МЭМ о постоянном активном сотрудничестве в борьбе за мир.

### О с н о в а н и я

Секретариат ВСМ считает, что современная международная обстановка и вытекающие из неё задачи Всемирного движения за мир требуют более тесного и активного сотрудничества между ВСМ и всеми миролюбивыми организациями и прогрессивными движениями, включая МЭМ.

Секретариат ВСМ принимает во внимание то, что на Ассамблее ВСМ в Будапеште/I3-I4 мая I97I года/ МЭМ признано ВСМ, а его председатель г-н Никола Алексиев избран членом ВСМ.

С учётом вышесказанного Секретариат ВСМ принимает предложение МЭМ и одобряет следующие формы и методы сотрудничества:

а/ МЭМ действует в соответствии с целями, формами работы и директивами ВСМ и будет оказывать активную помощь в их реализации через организации и членов МЭМ в различных странах;

б/ МЭМ представляет в распоряжение ВСМ постоянную страницу или раздел в своих официальных изданиях " Paco " /"Мир"/ и

" Paeaktivulo " /"Активный борец за мир"/;
главный редактор МЭМ будет поддерживать контакты с редактором Бюллетеня ВСМ с целью обмена информацией и другими материалами для их опубликования;

в/ МЭМ поручает

- осуществление контактов между МЭМ и ВСМ г-ну Рейно Ярвинену - секретарю МЭМ /Хельсинки/;

- осуществление контактов на самом высоком уровне: г-ну Николе Алексиеву -члену ВСМ,председателюМЭМ /София/;

- осуществление контактов между редакторами и редакциями обеих организаций:
г-ну Вильяму Гильберту -главному редактору " Paco " /Франция/;

г/ МЭМ будет ежегодно представлять ВСМ письменный отчет о своей деятельности и будет переодически направлять соответсвующие статьи редактору "Бюллетеня ВСМ" для опубликования;

администратор МЭМ будет регулярно посылать ВСМ взнос МЭМ;

д/ ВСМ будет регулярно высылать вышеназванным представителям МЭМ свой "Бюллетень" и другие издания;

е/ ВСМ назначает представителей,которые будут поддерживать контакты между обоими организациями;

ж/ ВСМ проинформирует все национальные организации ВСМ /комитеты/ о настоящем соглашении и будет рекомендовать им связаться с национальными секциями,комитетами и представителями МЭМ; это же будет сделано МЭМ по отношению к своим национальным организациям;

з/ ВСМ будет приглашать МЭМ для участия во всех международных конференциях,съездах и т.п. и будет рекомендовать национальным комитетам мира действовать аналогичным образом.

| | |
|---|---|
| От В С М | От М Э М |
| РОМЕШ ЧАНДРА | НИКОЛА АЛЕКСИЕВ |
| Генеральный секретарь | П р е д с е д а т е л ь |

---

Перевод с английского.